## Karaj gelegantoj,

69-a IFK Colmar:
31.12.2016
fino de unua periodo

La 69-a Internacia Fervojista Kongreso proksimiĝas per grandegaj paŝoj.
Urĝas atentigi pri la neceso aliĝi – ne nur ĉar la 31.12.2016 finiĝas la unua aliĝperiodo kaj la kotizoj poste konsiderinde kreskos, ankaŭ ĉar la diligente laboranta LKK meritas certecon pri la nombro de la partoprenontoj.
Vi trovos ĉi tie kelkajn apetitigajn sugestojn pri vizitindaj lokoj en kaj ĉirkaŭ Colmar – nur kelkajn el la ampleksa invitilo ricevebla ĉe la LKK (adresoj paĝo 114) aŭ elŝutebla de http://ifef.free.fr/spip/spip.php?article253, kie ankaŭ haveblas la aliĝilo.
Aparta oferto, eltirita ankoraŭ varma el la kofro de la estrarkunsido: Por po unu juna (maksimume 30-jara) neesperantista fervojisto aŭ fervojistino varbita de Landa Asocio partopreni la Esperanto-kurson okazontan dum la 69-a IFK, IFEF transprenos la partoprenkotizon kaj la tranoktokostojn en la kongresa hotelo.

Grandan spacon ni dediĉas al la raporto de Rodica Todor pri la komitatkunsido de UEA en Nitra, kie ŝi partoprenis reprezentante IFEF kiel komitatanino A. UEA alfrontas kvanton da gravaj strategiaj ŝanĝoj kiuj ne nur koncernas individuajn membrojn de tiu asocio. Ili estas atentindaj kaj eble modelaj por la plua agado ankaŭ de nia federacio.

Sed je la komenco ni iom promenu tra la fervoja foiro InnoTrans 2016 en Berlin. La aranĝo okazanta en dujara ritmo estas interesa same por aktivaj laborantoj en fervojaj entreprenoj kiel por emerituloj scivolaj pri la pluevoluo la koncerna industrio. Kaj kompreneble ĝi estas forumo por renkonti homojn kun fervoja odoro – esperantistaj kaj neesperantistaj.



Amikajn salutojn

**Guido Brandenburg**

# Enhavo:



**Internacia Fervojisto**
Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)
Apero: Januaro, Marto, Majo, Julio, Septembro, Novembro
Redaktofino: La 10-a de la antaŭa monato

**Estraro de IFEF**
**Prezidantino:** Rodica Todor (Rumanio) rodica_todor@yahoo.com
**Sekretario:** Vito Tornillo (Italio) vitorni@virgilio.it
**Kasisto:** Laurent Vignaud (Francio) laurent.vignaud@free.fr
**Redaktoro:** Guido Brandenburg (Germanio) guido.brandenburg@t-online.de
**Gvidanto de la Faka Komisiono:** Jan Niemann (Danlando) niemann@kabelmail.dk

**Membroj de la Redaktora Komisiono**
Lene Niemann (Danlando), Jean Ripoche (Francio), István Gulyás (Hungario)

**Membroj de la Faka Komisiono**
D-ro Heinz Hoffmann (Germanio), Ladislav Kovař (Ĉeĥa Respubliko)

**Bank-Konto:**
**Nomo:** „Laurent Vignaud IFEF”,
**IBAN:** FR33 20041 0 1011 0929 374Y 03237
**BIC:** PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Retejo**: www.ifef.net
**Facebook:** https://www.facebook.com/pages/IFEF-Internacia-Fervojista-Esperanto-Federacio/726039834155372

# Ludoplaco por fervojistoj

Innotrans 2016




Kontrastprogramo, akcento emfazanta la modernecon de la ĉirkaŭe starantaj gefratoj?
Ne tute klaras, kiun rolon ludas la malgranda cisterna vaporlokomotivo.

Kvar tagoj kun malfermitaj haloj por la fakpubliko, du sur la subĉiela tereno por la ĝeneralaj interesuloj – tiel la 11-a Internacia Fervoja Foiro InnoTrans kun sperto el dudek jaroj kontentigas la bezonojn de la vizitantoj. Mi estas malregula gasto kaj por prijuĝi la evoluon de tiu aranĝo dependa de la oficialaj statistikoj. Sed jam antaŭ la ekvojaĝo mi estas profunde impresita de la dimensioj kiujn ĝi atingis.

El la 58-paĝa listo de la ekspoziciantoj mi elektis kelkajn nomojn de entreprenoj konataj el mia faka laboro. La liston, la fotoaparaton kaj iom da spaco por broŝuroj kaj prospektoj en la teko mi nun alvojaĝas per urba trajno. La eniran legitimilon mi antaŭe havigis rete. Ĝi funkcias kiel vetura bileto valida en la enurbaj trafikiloj de Berlin – bona afero.

Antaŭ unu el la ses enirejoj mi pripensas la vizitan sinsekvon. La vetera prognozo rekomendas unue inspekti la eksterajn areojn. Do mi senhalte pasas tra la haloj kaj staras tuj inter brilantaj lokomotivoj kun tegitaj bufroj kaj poluritaj cisternovagonoj puraj kiel poste certe neniam plu en ilia vivo. La nova ICE 4, prezentita 14.09.2016 - kelkajn tagojn antaŭe - en la berlina ĉefstacio, mankas. Supozeble ĝi jam osciladas inter Hamburgo kaj Munkeno por pruvi sian solidecon. Ĝi tion faros dum pli ol unu jaro. Spertoj pri nefermemaj pordoj, nefunkciantaj necesejaj sistemoj kaj strikanta klimatiza aparataro en novaj trajnoj laŭeble ne ripetiĝu.



Pola motorvagono ED161 „Dart" kun malfermita kuplila kovrilo

PESA "Link", dizela motorvagono de regiona trafikentrepreno Niederbarnimer Eisenbahn altiras mian atenton (vd. titolpaĝo). En la karoserion integritaj bufroj unuavide ŝajnas nure maskla dezajna ornamo. Sed la eksterordinara fronta formo estas konstrua sekvo de speciala kolizia sekureco. La liveranto argumentas per plenumo de la kolizia normo EN 15227 en klaso C-1.



Ekranluda tablo en grandkupeo de ED161 „Dart"

Sur apuda trako staras alia famulo, la elektra motorvagonaro ED161 (Dart) de la pola fervojo, ankaŭ ĝi produktita de PESA en Bydgoszcz (Pollando). En Februaro 2016 la konstruintoj estis honorigataj per la Premio Industridezajna Forumo pro ĝia estetika aspekto kaj ergonomia utileco.

La ekspoziciata ekzemplero estas sufiĉe plena kaj inter la amasoj streĉita raportisto klopodas loki sian kamerastativon. Sed mi traŝovas min de enirejo ĝis elirejo kaj vidas moderne aspektantan internaĵon kun ĉarmaj ideoj realigitaj, kiel ekranluda tablo por desegni sen krajono, indukciaj ŝargiloj por poŝtelefonoj, grandaj elektronikaj informtabuloj kaj multaj malgrandaj detaloj.

Denove ekstere mi miras pri la karbofuma odoro. Malgranda cisterna vaporlokomotivo refoje venas kaj iras observata de dudeko da foto- kaj video-aparatoj. Ĉu filmo pri la aktualaj foiraj ofertoj? Ĉu reĝisora ideo por emfazi la modernecon de la hodiaŭa fervojo? Mi lasas ilin senĝene pluludi kaj serĉas pliajn interesajn eksponaĵojn. La ravon de surkonstruaj maŝinoj mi ne povas prijuĝi. Gigantan vagonon por peza vartrafiko mi inspektas kaj kontraste teledirekteblan elektran ranĝomaŝinon 1,90 m longan, kapablan veturi ankaŭ surstrate.
Por trovi la por mi vere interesajn standojn necesas ĉiam denove konsulti la foiran mapon. La transiro de unu halo al alia en la realeco ne estas tiel facila kiel sur papero. La grandaj ofertantoj Siemens kaj Thales de sekuriga tekniko prezentas sin per spaco, lumo kaj ĝeneralecaj prospektoj, sed ne estas preparitaj por respondi detalajn demandojn. Evidente la foira ĉeesto celas al alia klientaro.
Alie mi komunikas kun la “malgrandaj“ entreprenoj. Pintsch-Bamag, konata kiel produktanto de instalaĵoj por sekurigi traknivelajn pasejojn, trovis strategian partneron Tiefenbach, konstruantan regejan teknikon por ranĝaj stacioj kaj por malaltrangaj regionaj linioj. La decido sekvis la bezonon je kapitalo, la tendencon de merkata koncentrigo kaj la deziro de la klientoj ricevi servojn el unu mano.
Tiefenbach ofertas ekipaĵon por teknika subteno en simpligita trajntrafiko. La firmao en Germanio havas bonan pozicion en la pro multaj diversaj konceptoj relative malorda merkato. La malordo estas ŝuldata al la difuza funkcia specifo flanke de la Germana Fervojo, kiu en tiu segmento konscie toleras novajn ideojn, se ili promesas malaltajn kostojn.
Ĉe la stando de Scheidt & Bachmann staras manpleno da konatoj el komunaj projektoj. Kun taso da kafo ni klaĉas pri iamaj kolegoj kaj mokas pri konsultaj firmaoj. Sed la esencaj demandoj turniĝas ĉirkaŭ la produktevoluo. La linio de la regeja tekniko kontinue kreskas kaj certaj ideoj kiel la procede sekura anoncobildo promesas fariĝi modelaj ankaŭ por aliaj firmaoj. Trans videblan kaj tuŝeblan novaĵon, la interbarieran liberkontrolan instalaĵon RSB 40, mi preskaŭ estus stumblinta. Ĝi estas malgranda kaj funkcias sen moviĝantaj partoj, kaj ĝi sekvas la strategion de la firmao produkti mem kion ĝi povas kaj ne dependigi sin de eksteraj liverantoj.

Por la posttagmez je la dekkvina horo la esperantistoj interkonsentis rendevuon. Jan Niemann mi renkontis jam matene inter la lokomotivoj. Sed tio ne validis. Ladislav Kovář deĵoras en halo naŭ ĉe la stando de la ĉeĥa fervoja industrio. Anoncis sin ankaŭ Bodo Ehrlich. Jan venas kun pola amiko. Dum ni ĉiuj salutas nin, ni konstatas ke la bonveniga bufedo ne estas por ni sed por la ĉeĥa trafikministro. Ne grave – venos aliaj okazoj satiĝi. Tamen ni sidiĝas ĉirkaŭ tablo de la najbara stando.



Rondo de esperantistoj konferencas ĉe la stando de la ĉeĥa fervoja industrio.

Pli ol duonhoro ne estas je dispono por interŝanĝi proprajn impresojn kaj movadajn novaĵojn. La amiko de Jan atendas, Bodo devas reveturi hejmen kaj la posedantoj de la tablo jam suspekteme rigardas. Mi iom bedaŭras la neformalan disiron kaj decidas serĉi ekspoziciantojn pri ideoj kaj nerealigitaj projektoj.

Survoje la stomako rememorigas pri preterlasitaj bongustaĵoj. La rapidmanĝaj kioskoj troviĝas en ŝtuparejoj kaj en interhalaj zonoj, konvene internaciaj kiel “Capital Catering”, “Where to eat”, “Burger-Station”, “Milk-Bar”, “Airstream Snack-Point”. Ĉe “Meet'n Eat” sudeŭropece aspektanta grupo klopodas anglalingve mendi kvin porciojn “Currywurst Fritten” kun po du kolbasoj. La afero daŭras. Kun helpo de siaj fingroj la servisto fine analizas la mendon kaj transdonas ĝin al sia kolegino.

Plenumi mian deziron estas rutino. Por kelkaj minutoj mi trafoliumas la kolektitajn broŝurojn kaj resatigita staras en „Future Mobility Park“, en la „parko de mobileco estonta“.

Ĉe stando 100 mi revidas „Hyperloop“, malnovan konaton. Petja Aleksandrova en sia fakprelego de Varna estis rakontintinta pri la 1.200 kilometrojn rapida entuba motorvagono. Probable ankoraŭ estas serĉataj sponsoroj. Oni vidas nur desegnitan afiŝon kaj kelkajn serioze vestitajn sinjorojn aplaŭdande starantajn ĉirkaŭ kolego kun datuma kasko sur la kapo. Apuda ekrano montras kion li observas. La viktimo iom necerte paŝas tra la virtuala interno de la vagono. Tra la fenestroj brilas fremdaj galaksioj, kosmaj bildoj kaj pasantaj steloj. La du helpantinoj penas teni

la kablojn kaj je la fino de la vojaĝo rekonduki lin al lia seĝo. Tiu vizio ankoraŭ bezonas tempon.




Japana foiro-gasto spertas virtualan vojaĝon tra la Hyperloop-tubo.

Alia, rete direktita trafikopimiga sistemo nomata “BestMile”, kapabla organizi vojaĝojn per aŭtonome sin kondukantaj individuaj kaj horardependaj trafikiloj, ŝajnas pli aktuala ĉar kompilita el diversaj jam evoluigitaj komponantoj.

Similajn konkludojn mi faras dum mi studas maketon de kvadratprofila tuboparo muntita sur stilzoj super kvarŝpura aŭtoŝoseo. Flanke troviĝas altkurentaj kabloj, sube pendantaj vagonoj, ene kaj supre fervojaj trakoj. Pri la afiŝo titolita VzT6 “Vielzwecktrasse 6” (“Multutila Traceo 6”) kun ŝpareblaj miliardoj, senbrua vojaĝado, ekskluziva uzo de sunenergio kaj facila riparo mi cerbumas ĝis alparolas min juna prizorganto kaj klarigas, ke temas pri faskigo de transportsistemoj en alto lasanta la naturon netuŝita. Sekvas klarigo pri la enorma kostoŝparo, kiun mi ne vere komprenas kaj kiu instigas min prefere ne demandi pri al- kaj forkondukaj konceptoj kaj aliaj problemoj unuavide ne regulitaj. Mi kun danko kunprenas prospekton kaj fuĝas en direkton elirejo.




Maketo de la Multutila Traceo 6

145.000 persona fakpubliko el 140 landoj vizitis 2.955 ekspoziciantojn el 60 landoj. La statistiko ankoraŭ ne estas oficiala. Sed ĝi substrekas la fakton, ke la foiro kontinue kreskas, same kiel la kvanto de ofertantaj entreprenoj. Konsiderinde granda industrio optimisme kalkulas pri prospera estonto de la reltrafiko.

**Guido Brandenburg**

# UEA-Komitatkunsido dum 101-a UK en Nitra

Raporto pri la agado de la Komitatano A de IFEF



Dum la kongreso estis proponata laborplena kaj ege densa programo por komitatanoj, kiuj kunsidis en tri komitatkunvenoj kaj en ses Komitataj Forumoj. Jenaj kongresaj taskoj havis apartan signifon:

**Elektoj**

La unua tasko sur la tagordo estis elekti novan estraron por la sekvontaj tri jaroj.

Por certigi kontinuecon al realigo de pluraj ŝlosilaj ŝanĝoj en la asocio kvar estraranoj rekandidatiĝis kaj du novaj kompetentaj kolegoj aldoniĝis: Emilio Cid kaj Sara Spanò.

**Jen la respondecoj de la nunaj UEA-estraranoj**

**Mark Fettes** (Prezidanto): Strategio, kunordigo, statuta reformo, esploro kaj dokumentado, faka kaj scienca agado,

**Stefan MacGill** (Vicprezidanto): Instruado, Jaro de la Lernanto, meza oriento kaj norda Afriko, rilatoj kun membro-organizoj kaj ĝemelaj urboj,

**Martin Schäffer** (Ĝenerala Sekretario): Financoj, administrado, retejoj kaj retlistoj, Ameriko,

**Lee Jungkee**: Azio, Afriko kaj Esperanto-centroj,
**Emilio Cid**: Informado, Amikoj de Esperanto kaj Zamenhof-Jaro,
**Sara Spanò**: Eksteraj rilatoj, aktivula maturigo, Eŭropo, terminologio, kulturo kaj kongresoj.

**Statuto**

Por efektivigi la juran memstariĝon de TEJO pluraj ŝanĝoj en la statuto de UEA kaj la kunlabora kontrakto inter UEA kaj TEJO estas necesaj. Ili estis akceptataj en la vendreda kunsido de la Komitato de UEA. Kvankam oni envicigis unu aldonan Komitatan Forumon pri statutaj ŝanĝoj kaj krome alia forumo estis bezonata por ebligi plenan diskuton de la diversaj aliaj proponoj, ĉar la procedo por ŝanĝi la statuton estas sufiĉe peza kaj komplika la tempo ne sufiĉis. La estraro decidis pretigi kompletan liston de ĉiuj proponitaj ŝanĝoj kun klarigoj por sendi ĝin al la Komitato en posta dokumentaro por esti fine akceptata antaŭ ĝenerala voĉdono.

**Membro- kaj kotizosistemo**

Tria grava tasko rilatis al la kategorioj de membreco kaj difino de la kotizoj. En la retlisto de la Komitato jam okazis tre vigla diskuto pri kelkaj proponoj de la komisiono kiu estis starigata en Lilo por esplori la temon kaj fari rekomendojn. Surbaze de tiuj ideoj la estraro prezentis sian proponon pri la nova sistemo.
Interalie oni proponis enkonduki kategorion de senpaga aliĝo al UEA kaj TEJO sub la nomo “Amikoj de Esperanto” kun la celo varbi ankaŭ neesperantistajn simpatiantojn kaj subtenantojn el la ĝenerala publiko. Okazis diversflanka diskuto pri manieroj varbi kaj prizorgi ilin. La propono pri senpaga membreco ne ricevis la aprobon de la komitatanoj (pro tielnomata "pozitiva diskriminacio"), kelkaj komitatanoj parolis pri "simbola kotizo", aliaj pri societo anstataŭ membro-kategorio de UEA. Ĉar neniu el tiuj proponoj ricevis entute la apogon de la komitatanoj, la diskutoj kaj la decidoj estas prokrastitaj ĝis la venonta kongreso en Seulo. La kunsido rekomendas lasi flekseblecon al la landaj kaj fakaj asocioj por mem trakti tiun kategorion.

**Strategia plano kaj laborplano**

La komitato havis la taskon renovigi la strategian planon kaj kompili laborplanon por la nova mandatperiodo. Tiuj diskutoj disvolviĝis grandparte en la Komitataj Forumoj, kiuj montriĝis oportuna maniero inkludi multajn homojn en la pritaksado kaj evoluigo de diversaj agadkampoj. Pro manko de tempo por findecidi, propono de pli konciza kaj sinteza strategia plano por 2017-2020 atingos la Komitaton pro pritraktado.

La **rekomendoj el la Komitataj Forumoj pri agado de UEA** por subteni la strategiajn prioritatojn proponitajn de la estraro sur diversaj kampoj estas jenaj:

**Konsciigo**

- Plibonigi la retejan prezenton de UEA kaj Esperanto, i.a. per evoluigo de esperanto.net kaj uea.org por esti pli allogaj, uzeblaj kaj interaktivaj por diversaj kategorioj de uzantoj.
- Plifortigi la reprezentadon de UEA kaj TEJO ĉe UN, UNESCO kaj aliaj internaciaj organizoj, i.a. per varbado kaj trejnado de aktivuloj pri eksteraj rilatoj kaj la ellaboro de informiloj kaj argumentoj por tiuj specifaj medioj.
- Disvolvi tutmondan reton de Amikoj de Esperanto, kaj provizi ilin per informojn kaj instigojn cele al ilia plia engaĝiĝo.
- Rekomendi ke la laborplano por la venonta jaro inkluzivu jenajn projektojn:
  - Pretigi unustila(j)n informilo(j)n, por traduko en multajn lingvojn
  - Krei datumbazon de diversspecaj inform- kaj varb-materialoj
  - Starigi reprezentan teamon en Bruselo-Strasburgo por rilatoj kun eŭropaj instancoj

La Zamenhof-Jaro 2017, kiel solenado de la 100-a mortodatreveno de Zamenhof okazonta sub aŭspicioj de UNESCO (inter aliaj 53 datrevenoj aprobitaj en sia 38-a Ĝenerala Konferenco), kreas ŝancojn por ekstera informado kaj reprezentado kaj por enmovadaj projektoj cele al pli bona kompren(ig)o de la zamenhofa kontribuo al nia ideаro kaj al la monda kultura heredaĵo.

**Kapabligo**

- Trovi novajn kaj efikajn manierojn varbi retajn lernantojn de Esperanto por partopreno en la organizita movado, ekzemple en kulturaj aranĝoj, ĉeestaj kursoj, seminarioj, retaj forumoj, kiel membroj kaj kiel aktivuloj.
- Kunlabore kun ILEI plivastigi la bazon de trejnitaj instruistoj kaj ekzamenantoj, kursoj, seminarioj kaj ekzamenoj, disvastigante kulturon de dumviva lernado.
- Pluevoluigi la seminariojn por aktivula maturigo, inkluzive de ampleksa reteja kolekto de seminariaj materialoj.

La ĵus lanĉita "Jaro de la Lernanto" - komuna iniciato de UEA kaj ILEI – liveras bonan okazon por antaŭenigi tiujn prioritatojn kaj rekomendas, ke la estraro serĉu homajn kaj financajn rimedojn por kontribui al la planoj de ILEI por tiu jaro.

Aldone al tiuj prioritatoj la kunsido rekomendis, ke la estraro trovu manierojn antaŭenigi la agadon sur jenaj terenoj:

- Kontakti edukajn instancojn en elektitaj landoj cele al la flegado de bonaj rilatoj kaj la konkreta faciligo de Esperanto-instruado
- Krei kadrojn por pli bona subteno kaj kunordigo de universitata laboro pri Esperanto kaj interlingvistiko
- Kompili kaj publikigi liston de trejnistoj, de homoj kiuj jam kleriĝis kaj spertiĝis pri la gvidado de aktivula trejnado

**Komunumo**

- Evoluigi la retajn servojn de UEA por pli bone realigi ĝiajn komunumajn celojn, i.a. por faciligi kontaktadon kaj kunlaboron ĉirkaŭ komunaj interesoj kaj projektoj, kaj por instigi al solidarecaj rilatoj por konkretaj celoj.
- Ampleksigi la eldonan agadon kaj la libroservon responde al la bezonoj kaj ebloj de la movada merkato, i.a. per eldonado de elektronikaj libroj kaj aliaj produktoj por komputiloj, poŝtelefonoj k.s.
- Pluadapti la organizon de la Universalaj Kongresoj kaj la regionaj kongresoj al la nuna epoko, i.a. per utiligo de la reto por faciligi la organizadon, aliĝon, partoprenon kaj postkongresan kunlaboron

Aldone al tiuj prioritatoj, la kunsido rekomendas ke la estraro konsideru aliajn manierojn aranĝi la Komitatajn Forumojn por ebligi diskutadon kaj planadon de konkretaj projektoj.
**Tiurilate la labormetodoj de IFEF estas atentindaj.**
(Klarigo: tiu mencio aludas miajn plurajn intervenojn kaj kontribuojn dum la Komitataj Forumoj kaj kunsidoj).

**Kunordigo**

- Plifortigi la oficejojn, unuavice la Centran Oficejon, per investoj en teknika modernigo, taŭgaj laborkondiĉoj kaj efika utiligo de volontuloj.
- Plivastigi la financan bazon, evoluigante subvencipetadon, membrovarbadon, donacvarbadon.
- Enkonduki novajn organizajn metodojn por faciligi la kunlaboron de la aktivuloj, plibonigi la planadon kaj realigi pli da konkretaj kaj kvalitaj projektoj.

La kunsido diskutis la proponitan reformon en la membrokategorioj de UEA kaj ricevis pliajn klarigojn pri la faritaj kalkuloj por taksi la efikon de tiu reformo al la financoj de la Asocio. Ĝi rekomendas ke la estraro kaj Oficejo plu studu kaj evoluigu la proponon, konsulte kun la Komisiono pri Financo, cele al ĝia enkonduko por la membrojaro 2018, post eventualaj amendoj kaj fina aprobo de la Komitato, plej laste en la 102-a UK en Seulo.
Laŭ mendo de la estraro estis prezentita analizo de Dima Ŝevĉenko kaj Anna Striganova pri **"Stategio por Nova Retpaĝaro de UEA".** Tiu detala kaj bonega raporto estas nun elŝutebla por interesitoj ĉe:
http://uea.org/l/teko/komitataj/Analizo%3A_Strategio_por_Nova_Retpa%C4%9Daro_de_UEA.pdf

**Konklude por IFEF**

La laborgrupoj de IFEF povas adapti la menciitajn rekomendojn de UEA al la bezonoj de nia federacio, elŝuti valorajn ideojn kaj projektojn por plifaciligi komunan agadon sur difinitaj kampoj.
En Nitra la Komitato decidis, ke la diskutoj pri la ŝanĝoj en la statuto kaj la regularoj de UEA kaj pri ĉiuj aliaj temoj, kiuj same rilatas al siaj ĉefaj principoj, celoj kaj agadoj, devas daŭri pli longe por doni ŝancon al la

membroj kontribui per siaj ideoj kaj perspektivoj. La antaŭa ĝenerala voĉdono okazis en 1979, kiam temis pri la akcepto de la nuna statuto.
La estraro de UEA pretigos novan dokumenton pri la statuto, kiu enhavos ĉiujn ŝanĝojn akceptitajn de la Komitato en Nitro, kun klarigoj pri tiuj ŝanĝoj. Oni intencas, ke tio estu la dokumento sendota al la aliĝintaj asocioj kaj individuaj membroj kune kun la voĉdonilo kaj klariga letero.
Pri ĉiuj proponoj (ĉefe tiuj kiuj koncernas nin) necesas okazigi debatojn ene de nia asocio antaŭ ol voĉdoni. Mi konstatis, ke la voĉo de IFEF kiel jam 1953 aliĝinta asocio al UEA kaj kiel unu inter la plej grandaj kaj aktivaj fakaj asocioj gravas en debatoj kiuj koncernas nian komunan agadon.

Pro tio, kara gekolegoj, mi atendas viajn opiniojn, komentojn, proponojn pri tiuj temoj en la **reta diskutlisto de IFEF:** ifef@yahoogroupes.fr

**Rodica Todor**
IFEF-Prezidantino, komitatanino A ĉe UEA

## 69-a Internacia Fervojista Kongreso
## 16.-23.05.2017 Colmar (Francio)

**Poŝtadreso de LKK**
André Grossmann,
5, rue des Pyrénées
68390 BALDERSHEIM, Francio

**Retadreso por aliĝiloj:**
jeanripoche@wanadoo.fr

**Retadreso por pagoj:**
andreo.ag16@free.fr

**Kontoj**
**Internacia ĝiro al:**
André Grossmann
IBAN:
**FR6920041010150081934U0366 9**
BIC:
**PSSTFRPPSTR**

aŭ al UEA-konto de TAKE:
**ekat-i**

## Nesti inter cikonioj

Invito al 69-a IFK 2017




La Orientfranca Esperanto-Federacio invitis en la printempo 2015 por kursgvidado dum sia tradicia printempa internacia staĝo la dinamikan prezidantinon de IFEF, sinjorinon Rodica TODOR. Post la aranĝo ŝi gastis en la regiono Alzaco kaj sukcesis persvadi la tieajn esperantistojn aranĝi la IFEF-kongreson en 2017. Plej taŭga loko ŝajnis esti la urbo Colmar, meze de la regiono. Ariĝis kelkaj fervojistoj kaj lokaj esperantistoj en LKK sub la prezido de via dinamika prezidantino. Ĉiuj organizantoj esperas, ke vi fidos ilian laboron kaj ke vi ĝuos en la alloga regiono Alzaco - ĉe la limoj inter Francio, Germanio kaj Svislando - belan kongreson, efikan fakan laboron kaj entute agrablan restadon.



**Bonvenon do en Colmar!**

La urbo **Colmar** situas ĉe la fervojlinio Bazelo – Strasburgo en la alzaca ebenaĵo inter la Vogeza Montaro kaj la rivero Rejno. Ĝi estas la ĉefurbo de la departemento Alta Alzaco kaj nombris 67 257 loĝantojn en 2012. Ĝi estis unuafoje registrata en la 9-a jarcento. En 1354 ĝi iĝis unu inter la 12 alzacaj liberaj urboj, kiuj dependis rekte de la imperiestro de la Sankta Romia Imperio de Ĝermana Nacieco. Fine de la Mezepoko kaj dum la Renesanco ĝi rapide disvolviĝis. Malgraŭ siaj fortikaĵoj ĝi ege suferis pro

ribeloj dum la Reformacio, la Kamparana Milito kaj la Tridekjara Milito post kiu ĝi estis konkerita de la franca reĝo Ludoviko la XIII-a post la Traktato de Nimegue (1878), kiu garantiis al ĝi siajn privilegiojn. Sed lia posteulo, la reĝo Ludoviko la XIV-a, detruigis ties fortikaĵojn kaj instalis en la malnova doganejo (Koïfhüs) la Suverenan Konsilion de Alzaco. Notindas la naskiĝo – en la jaro 1934 – de unu inter la mondkonataj filoj de Colmar, la skulptisto Auguste Bartholdi, kiu kreis kune kun la inĝeniero Gustave Eiffel la Statuon de la Libereco en Nov-Jorko. Colmar restis franca urbo ĝis la konkero de Alzaco fare de la prusoj 1871. Tiam – kiel la tuta regiono Alzaco kaj la departemento Mozelo, ĝi estis integrita en la Duan Germanan Imperion. La regiono nomiĝis tiam Alzaco-Loreno. Ĝis la komenciĝo de la Unua Mondmilito 1914 pluraj politikaj partioj klopodis akiri ian aŭtonomion, kio 1911 sukcesis kun la adopto de Konstitucio




de Alzaco-Loreno. Bedaŭrinde la alproksimiĝo de la Unua Mondmilito denove reduktis la demokratajn liberojn. Sed parto de la loĝantaro estis ege francema. En Colmar vivis kaj agadis la filo de francema familio, la artisto-karikaturisto Jean-Jacques WALTZ, kies artista nomo estis Hansi. Li plej vigle agadis kontraŭ la prusaj militistaro kaj burokrataro kaj iĝis la simbolo de la kontraŭprusaj fortoj. Tio ne signifas, ke granda parto de la loĝantaro, kiu parolis la alzacajn ĝermanajn dialekton kaj la germanan lingvon, ne aprezis la tiaman ekonomian prosperon kaj modernismon. Post la Dua Mondmilito Colmar iĝis denove la ĉefurbo de la departemento Haut-Rhin. Bedaŭrinde jam en 1940 Hitler kaj liaj naziaj trupoj denove okupis la urbon kaj la tutan regionon. La loĝantoj denove iĝis germanaj civitanoj kaj denove Hansi batalis kontraŭ la invadintoj.

Ekde 1945 la urbo pace grandiĝis kaj la loĝantoj ĝuis agrablan vivon de mezgranda urbo.

## La regiono de Alzaco

Alzaco (france: Alsace; alzace: Elsàss) estas la plej orienta regiono de Francio apud Germanio oriente kaj Svislando sude. Ĝi konsistas el du departementoj: Haut-Rhin kaj Bas-Rhin. Ĝia areo estas 8.280,2 $km^2$ kaj ĝi havas ĉirkaŭ 2 milionojn da enloĝantoj. La ĉefurbo de la regiono estas Strasburgo. Pliaj aparte gravaj urboj estas Mulhouse, Colmar kaj Thann. Kiam ekaperis Esperanto, Alzaco estis germana. Tial oni nomis ĝin Elzaso laŭ la germana Elsaß (nun Elsass). Sed post kiam la provinco refariĝis franca oni trovis la unuan formon tro germana kaj ĝi estis anstataŭigita per Alzaco. Memkompreneble dum la Dua Mondmilito, kiam revenis la Germanoj, la demando pri la Esperanta nomo ne ekzistis, ĉar nia lingvo estis malpermesita kaj persekutata, tiel ke Elzaso ne povis reviviĝi kaj estas forgesita.

Antaŭ nur tridek jaroj la plejparto de la alzacanoj ankoraŭ komprenis la germanan lingvon kaj ne malofte la aĝaj homoj malfacile komprenis alian lingvon (escepte memkompreneble de la alzaca); hodiaŭ la plejparto de la junuloj ne nur malscias la germanan, sed ankaŭ rifuzas lerni ĝin, malgraŭ la evidenta avantaĝo, kiun ĝi povas doni en la serĉado de laboro. La preteksto ofte aŭdata estas, ke la angla pli utilas ol la germana, sed facilas konstati, ke tiuj, kiuj antaŭe bone lernis la germanan, poste multe pli efike lernis la anglan.

Alzaco flegas fortan apartan karakteron, kaj ene de Francio ĝi estas la regiono, kiu pleje konservis siajn apartecojn kaj tradiciojn. La alzaca lingvo, dialekto de la altgermana lingvo, estas praktike la ununura regiona lingvo, kiu estas pluviva kaj kutime parolata en Francio. Ekestis Vikipedio en la alemana lingvo, pli vasta lingogrupo, el kiu la alzaca estas loka vario.

### La muzeoj de Colmar

La muzeo UNTERLINDEN estas unu inter la plej vizitataj muzeoj en Francio. Ĝi estis cetere finrenovigita en 2015. Ĉi-okaze estis aldonata kroma konstruaĵo, la eksa publika naĝejo laŭ la secesia stilo (Art Nouveau – Jugendstil). Ĝi ĉefe famas pro la mondkonata retablo de Issenheim, kiun pentris Matthias Grünewald inter 1512 kaj 1516.

*Adreso: 1 Rue des Unterlinden*

En la dominikana preĝejo de Colmar estas admirebla fama sur-altara pentraĵo de la pentristo Martin SCHONGAUER (1450-1491), la Virgulino en la rozejo.
*Adreso: Place des Dominicains*

La muzeo Auguste BARTHOLDI prezentas la vivon de la skulptisto de la Statuo de la Libereco en Nov-Jorko (kune kun Gustave EIFFEL, la kreinto de la Eiffel-turo en Parizo). Li naskiĝis en 1834 en Colmar. Sed post la morto de lia patro la bonstata patrino translokiĝis al Parizo. Tamen ŝi konservis en Colmar la familian domon en kiu nun troviĝas la muzeo. Kopio de "La Libereco lumiganta la mondon" estas videbla de mal-proksime venante de Strasburgo.
*Adreso: 30, rue des Marchands*

La muzeo de la ludiloj estas ege vizitata muzeo de Colmar, kiu certe interesos la kongresanojn, ĉar ĝi ankaŭ prezentas interesan kolekton de miniaturaj trajnoj.
*Adreso: 40, Rue Vauban*

La muzeo HANSI tute nova privata muzeo pri la karikaturisto kaj pentristo Jean-Jacques WALTZ, nomata HANSI, kiu famiĝis antaŭ la Unua Mondmilito, kiam li primokis la prusajn burokrataron kaj militistaron sed ankaŭ dum la Dua Mondmilito, kiam li rezistis kontraŭ la naziaj okupaciantoj.
*Adreso: 28, rue des Têtes*

**Vidindaĵoj en la regiono**

Riquewihr estas unu inter la plej tipaj mezepokaj vilaĝoj kun siaj trabfakaj domoj. Ĝi situas iom flanke de la alzaca vinstrato meze de la vitejaro kaj famas pro siaj delikataj vinoj. Jam en la 14-a jarcento ties vinoj estis eksportataj tra la tuta Sankta Romia Imperio de Ĝermana Nacieco kaj pere de la komercaj kontoroj de la ligo de la Hanso-urboj. Bedaŭrinde la loĝantoj baldaŭ suferis pro la ribeloj de la kamparanoj (ĉirkaŭ 1525), kiu pereigis grandan nombron da alzacanoj. Tiam la urbeto iĝis luterana. Rekomenciĝis la suferoj kaj detruoj dum la Tridekjara Milito. Post la murdado sekvis malsategoj kaj epidemioj de pesto kaj kolerao. En 1680 la senditoj de la franca reĝo Ludoviko la 14-a okupis Riquewihr, kie la loĝantoj tamen pluvivis laŭ la leĝoj kaj kutimoj

de la Sankta Romia Imperio de Ĝermana Nacieco sub la aŭtoritato de la grafo de Virtembergo.
Nur dum la Franca Revolucio la familio de la grafoj de Virtembergo estis devigataj rezigni pri siaj bienoj en Alzaco kaj en 1796 Riquewihr eniris definitive en la Francan Respublikon.

Laŭ legendo la setlejo apartenis al paro Huna kaj Hunon, kiu donacis la vilaĝon Hunawihr al la monaĥejo de Saint-Dié en Loreno en la 7-a jarcento. Poste ĝi apartenis al la grafoj de Horbourg kaj poste al la grafoj de Virtembergo. Ĝis la Reformacio la preĝejo allogis pilgrimantojn. Poste ĝi iĝis luterana. Post la Franca Revolucio la luteranoj kaj la katolikoj samrajte uzis la preĝejon. Tiajn preĝejojn oni nomis "simultanaj". La preĝejo de Hunawihr estas bela ekzemplo de fortikigita preĝejo, kie la loĝantaro rifuĝis kaze de danĝero, ĉar la vilaĝo mem neniam posedis remparojn. Videblas malnovaj murpentraĵoj pri Sankta Nikolao.



Vojaĝante tra Alzaco vi malkovros nestojn de cikonioj en multaj vilaĝoj kaj urbetoj. La cikonio estas unu inter la plej konataj marko-bildoj de Alzaco. Tiuj ĉi elegante flugantaj birdoj ja kontribuas al la kreskigo de la regiona loĝantaro per alportado de beboj post antaŭa mendo! Sed en 1982 ĉi tiu bela birdo mem bezonis la helpon de la homoj por retrovi la regionon: Plurestis nur kelkaj paroj sur niaj tegmentoj, dum komence de la 20-a jarcento, miloj da paroj loĝis tie. Por ree hejmigi ĉi birdojn en la regionon kreiĝis asocioj, kaj ekde 1976 la parko de la cikonioj kaj de la lutroj en Hunawihr, en kiu vivas pli ol 150 paroj da blankaj cikonioj, akceptas la vizitantojn. La parko rehejmigas multajn aliajn minacitajn speciojn, ekzemple la lutron. Vi malkovros en tiu 5-hektara parko tutan bestaron loĝantan surtere kaj en la akvo kaj evoluantan antaŭ viaj okuloj.

*Pliajn vidindaĵojn listigas la kongresa invitilo, kiun volonte sendos al vi la LKK. La adresojn vi trovas sur paĝo 114.*

**(el la Kongresa informilo de la 69-a IFK)**

# Enhavo 2016